# Internacia Fervojisto




Dumonata organo de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)
kaj fervojfaka revuo

ISSN 1397-4270

2018.3

**La reloj ligas la landojn – Esperanto la popolojn**

# Per malgrandaj paŝoj

## Karaj gelegantoj,

du kvinonoj pro kalendaraj kolizioj ne povas partopreni en la estrarkunsido unuafoje retkonferenca. Unu suferas pro malkapabla retkonekto, dua ne havas kameraon, la tria ne fidas al siaj oreloj. Sed ni ja estas spertuloj pri interkompreniĝo.
Vastan spacon okupas la proksima kongreso en Vroclavo, la densa programo, la samloke okazonta paralela aranĝo, la fervojspecifa akcento. La konversacion akompanas malcerteco pri la strukturo de estontaj kongresoj: ĉu daŭrigo de la multfaceta koncepto, ĉu emfazo de turismaj aspektoj, ĉu redukto al faka konferenco. Respondojn sole povas liveri la partoprenantoj, kiujn la estraro certe demandos pri tio.
Plendo laŭtiĝas pri la inerteco kiun la ĉefkomitatano ofte renkontas prezentinte sian regulan peton pri la jarraportoj.
Probable la kaŭzo troviĝas iagrade ankaŭ en la obstrukca protesto kiun aŭtomate vekas „postuloj de supre“. Raportoj, laborplanoj, celkontraktoj, agadbilancoj malagrable memorigas pri la kutimoj en la entrepreno, kiu dungas konsilantojn kun la komisio kreskigi la efikecon. „Venas tiuj kravatuloj kun siaj tabulkomputiloj sub la brako, sen imago pri la realeco kaj volas diri al ni kiel ni laboru. Post ilia foriro malaperas kelkaj homoj kaj restas pliaj tempon konsumantaj kontrolinstrumentoj.“
Tute kompreneble. Neniu konas niajn eblecojn kaj kapablojn pli bone ol ni mem. „De pesado la bovino ne grasiĝas. Ni ne malŝparu tempon per raportoj kaj laborplanaj bilancoj.“ Aŭtomata reago, kiel menciite, kaj tute komprenebla.
Tio tamen ne estu kaŭzo, ne leginte ilin malaperigi la paperojn en la ronda aktujo. Se ĝi estas rezulto de fantazio kaj kreiveco - por kiuj, marĝene, la estraro ne posedas la monopolon - laborplano ekzemple ankaŭ povas esti akceptata kiel listo de proponoj, de ideoj adopteblaj, se la individuaj kondiĉoj estas konvenaj. Ankaŭ pri tio ni demandos vin.

Amikajn salutojn



**Guido Brandenburg**

# Enhavo:



Titolpaĝo: Alstom Coradia iLINT ĉe provizora hidrogenstacio (Foto: DB Mediathek), vd. paĝon 44

**Internacia Fervojisto**
Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF)
Apero: Januaro, Marto, Majo, Julio, Septembro, Novembro
Redaktofino: La 10-a de la antaŭa monato

**Estraro de IFEF**
**Prezidantino:** Rodica Todor (Rumanio) rodica_todor@yahoo.com
**Sekretario:** Vito Tornillo (Italio) vitorni@virgilio.it
**Kasisto:** Laurent Vignaud (Francio) laurent.vignaud@free.fr
**Redaktoro:** Guido Brandenburg (Germanio) guido.brandenburg@t-online.de
**Gvidanto de la Faka Komisiono:** Jan Niemann (Danio) niemann@kabelmail.dk

**Membroj de la Redaktora Komisiono**
Lene Niemann (Danio), Jean Ripoche (Francio), István Gulyás (Hungario)

**Membroj de la Faka Komisiono**
D-ro Heinz Hoffmann (Germanio), Ladislav Kovář (Ĉeĥa Respubliko)

**Bank-Konto:**
**Nomo:** „Laurent Vignaud"
**IBAN:** FR33 20041 0 1011 0929 374Y 03237
**BIC:** PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Retejo**: www.ifef.net
**Facebook:** https://www.facebook.com/pages/IFEF-Internacia-Fervojista-Esperanto-Federacio/726039834155372




Pretervidata objekto - iLINT motorvagonaro ekspoziciata en InnoTrans 2016 (Foto: Alstom)

## Ĉio je sia tempo – per malgrandaj paŝoj al medikonvena regiona trafiko

Jen tie, jen tie aperas blua motorvagono, la interno plena da balasto, mezuriloj, kelkaj homoj. La super la kondukista fenestro indikita celo „Sonderfahrt“ nur klarigas, ke ĝi ne sekvas regulan horaron. Ĝi akcelas mallaŭte kaj pasas la eliran signalilon. Hazarde ĉeestantaj vojaĝantoj restas senkonsilaj.

Tagojn poste en alia stacio la veturilo ĝuas la kompletan atenton de industrio, politiko, gazetaro kaj televido. Prezentata estas Coradia iLINT de Alstom, la „novigita malpeza novigita (do duoble novigita) regiontrafika motorvagonaro“.

La dua menciita novigo koncernas la trakcisistemon origine dizelan, kiu konsistas nun el elektraj motoroj nutrataj per kurento el „malvarma bruligo“, el senflama oksidigo de hidrogeno.




Funkciprincipo fuelpila

La fuelpiloj – teknologio origina el la 19-a jarcento – intertempe evoluis al kompare multekosta sed en praktiko aplikebla energieproviza principo. Ĝi eksperimente vojaĝas en ŝipoj, aŭtomobiloj, urbtrafikaj aŭtobusoj kaj nun ankaŭ en motorvagonaroj. Ili estas mallaŭtaj, kiel jam menciite, kaj ili produktas nek nitrogenoksidojn, nek karbdioksidon, nek fulgon aŭ ion ajn damaĝan por homo, naturo aŭ klimato, sed ekskluzive akvon. Bonaj argumentoj por veturigi ilin sur neelektrizitaj linoj, se la entuta ekologia bilanco aspektas same bone.




Loko de la komponantoj en la fuelpila iLINT (skemo: Alstom)

Hidrogeno devas esti produktata. Tio okazas grandskale en la kemia industrio, kie ĝi parte ludas aktivan rolon en produktoprocedoj, parte ankaŭ estas nebezonata superfluaĵo. Kreskantajn ŝancojn havas la elektrolizo, kiu gajnas la hidrogenon disdividante la akvomolekulojn per elektra energio – kreskantajn ŝancojn ĉar pliiĝas la kontribuo de energio el vento kaj suno.





Kovrita de molekuloj – ankaŭ la remburaĵo propagandas. (Fotoj: Alstom)

Hidrogeno ankaŭ devas esti transportata. Longaj vojoj negative influus la ekologian bilancon, do la distribuo estu laŭeble plej mallongdistanca. La unua komerca apliko de motorvagonaroj kun fuelpila teknologio tial okazos ekde Julio 2018 en la ventenergiriĉa nordo de Germanio kaj pli poste en Heslando proksime al la kemia komplekso Frankfurt Hoechst. Neelektrizitaj linioj sufiĉe ekzistas en ambaŭ regionoj.

La firmao Linde konstruos la hidrogenstacion en nordgermana *Bremervörde*, ventenergia produktejo sekvu poste. Kaj la fuelpila trafiko en Heslando komenciĝos 2022. Politiko, industrio kaj fervojo jam festas sin hodiaŭ. Ĉio je sia tempo.

La duparta iLINT de Alstom mezuras 54 m kaj disponigas 150 sidlokojn kaj atingas rapidecon de 140 km/h. Ankoraŭ en evoluo estas la sistemo de Siemens surbaze de la ekzistanta elektra Mireo - motorvagonaro. Ĝi estu havebla en varioj de du ĝis sep partoj, maksimume 147 m longa kaj 160 km/h rapida - sed ne antaŭ 2021.




Realeco post nur ankoraŭ tri jaroj – Siemens Mireo kun fuelpila sistemo (desegnaĵo: Siemens)

**Guido Brandenburg**

# Jarraporto de la Sekretario pri la jaro 2017




## Antaŭrimarkigo

La ordo de la raporto estas kiel tiu de la lastaj jaroj por faciligi komparojn. Pli detalajn informojn pri diversspecaj agadoj oni trovas en la lasta "Resuma jarraporto de la landaj asocioj".

## 1. Membrostato

La aktuala membrostato de IFEF estas: 330 laŭ la pagitaj kotizoj (el kiuj 10 estas individuaj membroj), 1048 laŭ la sumo de la membroj de la entute 17 landaj asocioj.

## 2. Interna laboro

### 2.1. Estrarkunvenoj

La estraro kunvenis dufoje: en Vroclavo (PL) de la 24-a ĝis la 25-a de Marto 2017 kaj en *Baiersbronn*(DE) de la 9-a ĝis la 10-a de Oktobro 2017.
En Vroclavo ĉefe estis traktata la organizado de la kongreso, kun vizitoj kaj elekto de la hoteloj. Pri la aliaj taskoj kaj temoj, PEFA klopodis kontakti respondeculojn, ĉefe por havi patronecon kaj helpon de la landa sekcio de FISAIC, SKSTIK "*Kolejarz*". Dum la restado la estraro renkontiĝis kun ties direktoro kiu promesis helpon. La postkongreso okazos en Krakovo, la partoprenantoj loĝos en Kolejarz-tranoktejo sub favoraj kondiĉoj. La temo de la kongreso forprenis multe da tempo, sed estis traktataj ankaŭ aliaj temoj rilate al la IFEF-organizado.
Dum la kongreso en Colmar en Majo 2017 okazis kiel kutime laŭstatute la nepublika komitatkunveno kaj la plenkunsido, malferma al ĉiuj kongresanoj. Decidoj kaj raportoj aperis en nia bulteno IF 2017.4.
En *Baiersbronn* kunvenis 4 estraranoj, Tornillo, Vignaud, Niemann kaj Brandenburg. Pro malsano mankis prezidantino Todor kaj ĉefkomitatano Tomiŝek. Ĝi okazis kadre de la jara renkontiĝo de GEFA. La estraro donis iom da internacieco al la landa kunveno. Rimarkinde estas ke ĝi okazis en strukturo de BSW, kiu disponigis kunvensalonon kaj bonajn restad-kondiĉojn. Dum la estrarkunsido oni traktis diversajn organizajn temojn,

la organiza stato de la kongreso en Vroclavo laŭ la informoj de LKK, solvo de eventualaj problemoj kiel kasraporto, elekto de ĉefkomitatano kaj anstataŭanto kaj la agado de IFEF.

**2.2. Ĉefkomitatano**

Li plenumis akurate siajn multflankajn taskojn, i.a. dissendis cirkuleron kun la demandilo pri la landaj jarraportoj por la jara resumo.
Li atentigis la komitatanojn sendi en ĝusta tempo la petojn pri statutŝanĝoj kaj la eventualajn kongresproponojn. Li krome petis landajn asociojn anonci datojn de siaj jarkunvenoj aŭ konferencoj okazontaj en la jaro por plani kalendaron de IFEF-aranĝoj. Ĝi evitu, ke okazas samtempe du aranĝoj, precipe en najbaraj aŭ proksimaj landoj.
Kasisto kaj redaktoro komune ĝisdatigis la adresaron de la IFEF-funkciuloj.
Sekretario kaj kasisto prizorgis la kolektadon de la demandiloj kaj instigis la malfruiĝintojn respondi.

**2.3. Vizitoj**

La estrarkunsido en Vroclavo ne okazis dum alia aranĝo, pro tio ne estis planitaj vizitoj. Dum libera tempo la lokaj esperantistoj akompanis la estraron tra la urbo por montri la vidindaĵojn kaj substreki la kongrestaŭgecon de la urbo. La estraro vizitis plurajn hotelojn kaj salonojn por elekti la plej taŭgajn por la bezonoj de la federacio. Okaze de la estrarkunveno la lokaj esperantistoj renkontiĝis en la urba klubejo dum kelkaj horoj por kunesti kaj praktiki la lingvon.



En *Baiersbronn*, kiel dirite, okazis ankaŭ GEFA-jarkunveno kun planita programo. Dum libera tempo oni vizitis la ĉirkaŭaĵon de la urbo, kiu situas en la "Nigra Arbaro" por interkonatiĝi kun historio kaj tradicioj de la loĝantoj kiuj dum longa tempo vivis izolitaj en montaraj valoj kaj dank' al la fervojo ili estis ligitaj al la mondo kaj helpe de la turismo sukcesis levi sian vivnivelon.
La ekskursoj utiligis la fervojliniojn bone kunligitajn kaj priservatajn de diversaj kompanioj sub komuna tarifa tegmento. La historio de la Murg-vala fervojo, per kiu la ĉeestantoj alvojaĝis estis temo de prelegoj de du veraj fakuloj – unu pri la longa konstruo, alia pri la revivigo post preskaŭa funkciofino.

**2.4. Situacio kaj estonto de IFEF en kelkaj landoj.**

La situacio en la landaj asocioj de IFEF estas preskaŭ la sama de la pasinta jaro, sed danke al la kunlaborado de diversaj esperantaj asocioj ni sukcesis plani IFEF-kongresojn ĝis la jaro 2019. La rilatoj kun aliaj fakaj asocioj daŭre pliboniĝis kaj kreskis. Ankaŭ la laborgrupoj ene de IFEF pli-malpli agadas.

## 3. Laborplano

### 3.1. Informa Servo

Informado ĉefe okazas pere de interreto. Ĉiuj membroj havas la eblecon aliĝi al la diskutad-grupo de IFEF kaj korespondi samtempe kun ĉiuj aliaj membroj.

Ankaŭ per *Facebook* eblas interŝanĝi novaĵojn.

La retpaĝo ifef.net disponigas al membroj kaj eksteruloj grandan kvanton de informoj.

Dum la UK en Seulo estis disdonata la faldfolio pri IFEF. La Movada Foiro ofertis okazon reklami pri la fervojista kongreso.

### 3.2. Junularo

Dum la IFEF-kongreso en Colmar gastis dum tagoj juna ĉina fervojista esperantisto. Li kontribuis per faka prelego pri la vartrafiko en Ĉinio. La estraro ĝojis pri bona iniciato instiganta junulojn partopreni kaj kunlabori dum kongreso.

### 3.3. Faka Komisiono

#### 3.3.1 Terminara Sekcio

La tradukado de la nocia serio de anglaj, francaj kaj germanaj terminoj en Esperanton tre bone progresas. La terminaro de la Internacia Fervojunio *UIC* estas nur parte difinvortaro, tamen la nombro de aldonitaj difinoj daŭre kreskas. Dum la pasintaj 12 monatoj kontinue daŭris la laboro por pluevoluigi Esperanto-enhavon en la terminaro. *UIC* ĉiam agnoskas nian daŭran kunlaboron.

Por niaj kunlaborantoj de la Terminara Sekcio aperis 2 numeroj de la Terminara Kuriero. La sekretario reviziis multajn fakajn tekstojn por artikoloj kaj prelegoj.

**3.3.2 Fake Aplika Sekcio**

En la jaro 2017 aperis la "FervojFaka Kajero" n-ro 25. FervojFakaj Kajeroj kaj aliaj fakaj publikaĵoj estas enretigitaj en la paĝaro “ifef.net”.

**3.4 Komisionoj kaj laborgrupoj.**

El la komisionoj kaj laborgrupoj venis raportoj pri la agado.

Koncerne la eksterajn rilatojn la Prezidantino raportis pri siaj interrilatoj kun aliaj organizoj en diversaj aranĝoj kie ŝi estis invitita.

La informada grupo daŭre ĝisdatigas novaĵojn en la paĝoj de ifef.net kaj “Facebook” kaj donas informojn pere de aktualaj telekomunikaj rimedoj. Dum la kongreso en Colmar okazis informadika ateliero por nespertuloj, kiu celis kuraĝigi ilin efike uzi la interretajn rilatojn kaj ĝisdatigi informojn en la reto. En Vikipedio ekz. ne troviĝas multo rilate al IFEF.

**3.5. Fervojista kontaktkunveno dum la 102-a U.K. Seulo – Korea Resp. (22-a ĝis 29-a de Julio 2017)**.

Dum la UK en Seulo fervojista kontaktkunveno ne okazis pro manko de aliĝintaj IFEF-membroj. Tamen IFEF okupis tablon en la sabata Movada Foiro de asocioj.

**4. Aranĝoj**

**4.1. IFEF-aranĝoj de LA.**

La jarraportoj de L.A. mencias multajn aranĝitajn kunvenojn kun prelegoj, ekskursoj kaj ĝenerala asembleo. Kelklande nur okazis ĝenerala asembleo. La aranĝojn ankaŭ vizitis kelkaj eksterlandaj IFEF membroj.

**4.2. IFEF-Kongreso**

La 69-a IFK okazis en Colmar (FR) de la 16-a ĝis la 23-a de Majo 2017. La kongreson partoprenis 170 geesperantistoj el dudek unu landoj. Ĉeestis gastoj el Aŭstrio – Belgio – Bulgario – Ĉeĥio – Ĉinio – Danio - Francio – Germanio – Hispanio - Hungario – Italio – Kroatio - Kubo - Litovio - Nederlando - Norda-Irlando - Pollando - Rumanio - Slovenio - Svisio - Svedio. La inaŭguron honorigis reprezentantoj de la urbo, de pluraj esperantaj asocioj, de FISAIC, UAICF kaj BSW, kaj venis la salutoj de la direktorino de la stacidomo de Colmar.

La ĉefprelegoj temis pri “Dekstraflanka trajntrafiko en Francio” kaj pri la tegmento de la stacidomo Colmar. Aliaj prelegantoj prezentis novaĵojn el sia lando. Rimarkinda estis la vizito al la fervoja muzeo de Mulhouse “Cité

du train", por la fervojistoj kaj la amikoj de fervojo ĝi estis ankaŭ fake tre interesa. La kongresaj vesperoj sin dediĉis al kulturaj programeroj, folklora tradicio, kun kantoj kaj dancadoj. La ekskursoj malkovris por ni ne konatajn lokojn, ĉu historiajn ĉu naturajn, kiel la parkon de cikonioj kaj de papilioj.

**5. Eksteraj rilatoj**

**5.1. UEA**

La kontaktoj kaj kunlaboroj inter UEA kaj IFEF estas daŭre bonaj. Bedaŭrinde ĉijare pro la malproksimeco de la kongreslando nur malmultaj IFEF-membroj partoprenis la kongreson.

**5.2. FISAIC**

La kongreso en Colmar okazis sub la patroneco de FISAIC. La informo aperis en la FISAIC-kalendaro. Dum la lasta ĝenerala asembleo de FISAIC, la sekretariino de FISAIC demisiis. Nia kolego Jan Niemann en Januaro transprenis la postenon de Ĝenerala Sekretario de FISAIC kun subteno de IFEF. Ni plifortigos la kunlaboradon kun la nova sekretario por krei favorajn kondiĉojn al la agado de ambaŭ federacioj.

**Fina komentario**

La ĝenerala situacio de IFEF estas preskaŭ stabila. La membronombro estas iomete pli malalta, kvankam en kelkaj landaj asocioj ĝi iomete kreskis. Se ni komparas IFEF kun aliaj fakaj asocioj de UEA ĝi restas unu el la plej grandaj.

La rilatoj kun aliaj esperantaj asocioj estas bonaj. Por nia estonteco utilus okazigi renkontiĝojn kunlabore kun aliaj asocioj por plifortigi nian movadon.



**Bolonjo, 1-a de Marto 2017**

**Vito Tornillo**
**la IFEF-Sekretario**

# Salutvortoj por la 70-a IFEF-kongreso - Vroclavo, 2018



Estas bonŝance por ni kongresi ĉijare en mirinda urbo Vroclavo, deklarita la plej bona turisma celpunkto por 2018, per voĉoj el pli ol 146 landoj en la reta konkurso „Plej bona turisma celo en Eŭropo”, kiu promocias kulturon kaj turismon.

„Gajnante ĉi tiun konkurson oni montras, ke nia urbo estas unu el la plej allogaj urboj sur la mapo de Eŭropo", diris je tiu okazo Rafal Dutkiewicz, la urbestro de Vroclavo.

Bonŝance ankaŭ estas konatiĝi, ĝuste en **2018 - la Eŭropa Jaro de Kultura Heredaĵo** (UNESKO), kun la dinamika ĉefurbo de Malsupra Silezio, fondita antaŭ ĉirkaŭ mil jaroj, preskaŭ tute detruita dum la Dua Mondmilito, renaskita el siaj propraj cindroj kaj ricevinta en la jaro 2016 la titolon de la Eŭropa Kultura Ĉefurbo.

Ĝi fieras pri siaj simboloj, kiel la mirinda urbodomo, unu el la plej grandaj kaj plej imponaj en Pollando, pri koncertejo *„Ludowa* Halo”, pri la Panoramo de *Racławice* - la plej malnova en la lando, pri Aŭlo *Leopoldina* - reprezenta baroka salono en la ĉefa konstruaĵo de la Universitato de Vroclavo (kie ni solenos la inaŭguron de la kongreso), pri la urbocentro kaj *Rynek*-Merkato kun ĝia romantika kaj unika atmosfero, pri la malnova urbo kun mallarĝaj stratetoj lumigitaj per malnovstilaj lampionoj, kaj pri historia *Ostrów Tumski*.

La urbo fieras ankaŭ pri siaj multnombraj nobelpremiitoj (inter aliaj, la elstara esperantisto Reinhard Selten, membro de la Honora Patrona Komitato de UEA), pri pli ol 10 universitatoj kaj akademioj, pri la plej vasta urba verda spaco en Pollando pro sia konstruo sur 12 insuloj kunigitaj per pli ol 200 pontoj, kiu donis la kromnomon de Venecio de Pollando.

Malgraŭ, aŭ ĝuste pro sia tumulta historio, Silezio heredigis multon al la kultura trezoro de la homaro.

Kaj ankaŭ pliriĉigis la kulturan heredaĵon de Esperanto. Pro la kreinto de la internacia lingvo, Pollando partoprenis plej aktive en la disvolvigo de Esperanto kaj donis ekde la unuaj tempoj al la mondo la plej eminentajn esperantistojn. La unuaj sonoj Esperantaj aŭdiĝis inter Zamenhof kaj inĝ. Antoni Grabowski. Iom post iom aperadis aliaj apostoloj de Esperanto, precipe inter la studenta junularo, sed la eklernado de Esperanto en la unuaj jaroj en Pollando okazadis individue, ĉar aranĝi movadon oficialan estis tiutempe neeble.

La 6-an de Decembro **1904** la varsoviaj E-istoj fondis la unuan oficialan organizaĵon Esperantan en Pollando: **„Varsovia Societo Esperantista“**

En la jaro **1905** fondiĝis esperantista grupeto en tiama *Breslau* kaj dum jardekoj multiĝis la esperantistaj grupoj, societoj kaj lokaj kluboj.

Menciinde estas ke **polaj fervojistoj** tre frue, nome **1911**, sufiĉe multnombre interesiĝis pri la faka movado. Revuo: "Fervoja Esperantisto" menciis en la jaro 1911 jam 21 membrojn de Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj (IAEF). Inter ili estis **F. Sandecki**, kiu apartenis eĉ al la unua internacia estraro.

**Silezia Esperanto-Ligo ekfunkciis 1921**, kaj jam en Junio 1922 la urbo kaj asocio gastigis la 11-an Germanan Esperanto-Kongreson.

En la jaro **1992** grupo da vroclavaj esperantistoj decidis ĉerpi el preskaŭ centjara tradicio de la Esperanto-movado en Silezio kaj fondis **Silezian Esperanto-Asocion**, regionan kulturan Esperanto-societon.

Al tiu sindona grupo ni ŝuldas dankojn pro la invito al Vroclavo, kie IFEF festos la jubilean 70-an kongreson kaj la trian en Pollando, post *Katowice* (1987) kaj Poznano (2008).

Ĝi estas loko kie ni havos eblecon ĝui la interplektiĝon de la slava, germana kaj Esperanta kulturoj per la neforgeseblaj spertoj kiujn promesas al ni la organizantoj.



Ĝi estas la plej taŭga medio por jubilei per la ampleksa faka, kleriga, kultura kaj turisma programo de la kongreso. Ni profitu ĉi tiun mirindan okazon por integriĝi pere de nia fervoja kulturo al la monda kultura heredaĵo. Sukceson al la jubilea 70-a IFEF kongreso!

**Rodica TODOR**
**Prezidantino de IFEF**

---

## Komitatkunsido Vroclavo
## Proponataj ŝanĝoj en la Kongresa Regularo de IFEF

### B. Organizado

h) LKK disponigu taŭgajn salonojn por ĉiuj kunsidoj (de estraro, komitato, komisionoj, fakprelegoj, ktp) oficiale starigitaj de IFEF, laŭ la programo kaj tagordoj.

Aldono:
i) LKK disponigu taŭgajn teknikajn rimedojn (komputilo kun konektita projekciilo, ekrano kaj mallumigebla ĉambro).
*Komento: La LKK malofte konfirmas ĉu la rimedoj estos surloke aŭ ĉu prelegantoj devos kunporti.*

**Interŝanĝi E kun D, tiel, ke**

**D. Financoj**
**E. Oficiala programo**
*Komento: Detaloj pri programo estas pli facile vastigeblaj.*

### D. Financoj

10) La LKK, interkonsente kun la estraro, fiksas la *bazan kongreskotizon por la IFEF-membroj*, kiu validas ĝis 4 (kvar) monatoj antaŭ la kongreso. Post tiu dato la LKK rajtas plialtigi ĝin. Familianoj kaj junuloj aĝaj *malpli ol dudek jaroj* pagas la duonon.

Interŝanĝo kontraŭ

10) La LKK, interkonsente kun la estraro, fiksas la bazan kongreskotizon, kiu validas ĝis kvin monatoj antaŭ la kongreso. Post tiu dato LKK estas rajtigita plialtigi ĝin. IFEF-membroj rajtas rabatitan kotizon. Familianoj kaj junuloj aĝaj malpli ol tridek jaroj pagas la duonon el la koncerna kongreskotizo.

*Komento: En aliĝilo ni jam mencias junulojn ĝis 30 jaroj. Ne estas klare en ĝisnuna aliĝilo ĉu la kotizo por familiano validas nur por familianoj de IFEF-anoj, ĉu ankaŭ por edzĝparo ne ligita kun IFEF.*

**E. Oficiala programo**

18) La programo pretigita de la LKK bezonas la aprobon de la estraro.

19) Kutimaj aranĝoj de la kongreso estas:

a) **inaŭguro (solena malfermo):** 10:00 – 12:00

| | |
|---|---|
| 10:00 – 10:10 | mallonga kultura programo (se eblas) |
| 10:10 – 10:15 | komencaj vortoj, prezentado de la prezidio kaj de la gastoj (gvidas prezidanto de LKK) |
| 10:15 – 10:40 | salutvortoj de la gastoj kaj de la aliaj instancoj (kun tradukoj, neceskaze) |
| 10:40 – 10:50 | mallonga kultura programo (se eblas) |
| 10:50 – 11:00 | paŭzo |
| 11:00 – 12:00 | salutparoloj de la reprezentantoj de la landaj asocioj (gvidas la ĉefkomitatano aŭ anstataŭanto)<br>- salutvortoj de la IFEF prezidanto; Honorigoj; malfermo de la kongreso<br>- *(strekita: himno)*<br>- organizaj informoj (prezidanto de LKK) |

b) **estraraj, komitataj kaj komisionaj kunsidoj**

c) **faka(j) prelego(j), fervojaj aktualaĵoj kaj laŭeble vizito de fervojaj instalaĵoj**

d) **kultur-artaj, folkloraj kaj turismaj aranĝoj**

e) **ferma kunveno**
- konkludparoloj de la prezidanto de LKK, prezento de LKK-anoj

- konkludparoloj de IFEF prezidanto; fermo de la kongreso
- transdono / transpreno de flago

20) Kaze ke la prezidanto kaj la sekretario estas malhelpataj, la komitato nomumas prezidantojn por la unuopaj kunsidoj.

21) Komisiongvidantoj kaj komisiitoj raportas dum la plenkunsido. Ili rajtas fari rekomendojn al la komitato, kiu estas libera pridecidi ilin.
*Komento: La himno perdis sian origine unuigan kaj motivan funkcion.*

## Modelo de provizora programo

| Tago | Horo | Ago | Loko |
|---|---|---|---|
| Sabato | 10.00 – 20.00 | Akceptado / Informado | |
| | 20.00 – 20.30 | Kunveno de la IFEF estraro kaj LKK | |
| | 21.00 – | Interkona vespero | |
| Dimanĉo | 08.00 – 10.00 | Akceptado / Informado | |
| | **10.00 – 12.00** | **Solena Inaŭguro** | |
| | 12.00 – 12.30 | Komuna foto; Gazetara konferenco | |
| | 14.00 – 18.00 | Urbovizitado - **D1** | |
| | 20.00 – 21.00 | Prelego pri la regiono/urbo | |
| | 21.00 – | Kultura vespero | |
| Lundo | 09.00 – 12.00 | E-kurso por komencantoj; komencintoj, ktp. | |
| | **09.00 – 12.00** | **Nepublika Komitatkunsido** | |
| | 09.00 – 12.00 | Urbovizitado **D2** | |
| | **14.00 – 18.00** | **Kunsido de la Faka Komisiono** | |
| | 20.00 – 21.00 | Ateliero pri….. | |
| | 21.00 – | Venonta kongreso sin prezentas | |
| Mardo | 09.00 – 12.00 | E-kurso por komencantoj; komencintoj, ktp. | |
| | **09.00 – 12.00** | **Ĉefa fakprelego kaj aliaj prelegoj** | |
| | **14.00 – 18.00** | **Faka ekskurso F1 – se eblas** | |
| | 20.00 – 21.00 | Ateliero pri….. | |
| | 21.00 – | Laŭtemaj konferencoj | |
| Merkredo | 09.00 – 12.00 | E-kurso por komencantoj; komencintoj, ktp. | |
| | **09.00 – 10.00** | **Movadaj aferoj; agado de la laborgr.,** publ. | |
| | **10.00 – 12.00** | **Plenkunsido** | |
| | **12.00 – 13.00** | **Solena fermo** | |
| | 14.30 – 18.30 | Duontaga ekskurso **D3** | |

| | | | |
|---|---|---|---|
| | 20.00 – 21.00<br>21.00 – | Estrarkunsido de IFEF<br>Distra vespero | |
| Ĵaŭdo | 09.00 – 18.00<br>20.00 – 21.00<br>21.00 – | Tuttaga ekskurso **T1** – (kun tagmanĝo)<br>Kunveno de la IFEF estraro kaj LKK<br>Ĝisrevida vespero | |

### Postkongreso

| | | | |
|---|---|---|---|
| vendredo | | | |
| sabato | | | |

## Vroclavo - tutlastdataj kongresinformoj

### Kiel alveni de la aviadejo?

De flughaveno *Wroclaw Copernicus*, haltejo *Port Lotniczy* (=Flughaveno) ĉiu dudek-minute veturas aŭtobuso linio 106 al celo *Dworcowa* en la urbocentron. La veturo daŭras ĉ. 50 minutojn. De tiu fina haltejo vi per kvarminuta piedmarŝo atingos la kongresejon „hotelo Piast“ (vd. mapon). La transporto kostas 3,40 zlotojn (1,70 zlotojn por emeritoj). Senpaga ĝi estas por sepdek- kaj pli-jaruloj. Alternativo estas la naveda aŭtobuso „*WRO Airport Express*“, kiu ĉiu kvindek-minute pendolas inter aviadejo kaj ĉefa fervoja stacio (apud la kongresejo) kun nur unu survoja halto. Ĝi kostas 10 zlotojn.



Aŭtobuso linio 106
(Foto: airport.wroclaw.pl)

Kiu preferas individuan transporton, trovos taksiojn kaj pagos (minimume) 60 zlotojn.




Kongresejo kaj aŭtobusoj – la bruna desupra silueto estas la ĉefa stacidomo (fonto: OpenStreetMap)

## Kiel prunti biciklon?



Kolektejo por pruntobicikloj
(Foto: Wrocławski Rower Miejski)

Vi studis la programon sur la kongresa retpaĝo? Bone! Vi interesiĝas pri la urbovizito perbicikla, dimanĉon vespere 18.00 – 19.00 h? Bonege! Vi disponas pri poŝtelefono uzebla en Pollando? Perfekte! Vi devas scii, ke la biciklojn uzotajn disponigos pruntoservo *„nextbike"*, kiun vi eventuale konas el via hejmlando kaj kiu en Pollando havas diversajn kunlaborantajn entreprenojn. En Vroclavo ĝi estas *„Wrocławski Rower Miejski"*. Ĝi administras 770 biciklojn ĉe 77 kolektejoj en Vroclavo.



La pruntosistemo estas relative simpla, sed anticipas unufojan retaliron kaj kreditkarton aŭ alian rete direkteblan pagrimedon. Samokaze vi indikas vian poŝtelefonnumeron, kiu poste funkcios kiel legitimilo. Prunto kaj redono estas eblaj ĉe aŭtomatoj apud la kolektejoj. Helpon kaj konsilojn vi ricevos de la LKK.

**Unika okazo: post alveno en la „Nokton de Muzeoj“**




La 19-an de Majo okazos en Vroclavo la tiel nomata „Muzea Nokto”. Plej multaj muzeoj estos malfermataj senpagaj kaj en kelkaj okazos aldonaj interesaĵoj La sola malavantaĝo povas esti, ke en iuj muzeoj vi renkontos amasojn de homoj, kiuj volas profiti tiun ĉi okazon. Jen ekzemple kelkaj vizitindaj muzeoj:

**1)** *Hydropolis (ul. Grobli 19)* www.hydropolis.pl Scienca muzeo pri akvo. Verŝajne unu el la plej interesaj ebloj, ĉar normale biletoj estas iom kostaj – sed oni devas rezervi lokon ĉe hydropolis.evenea.pl (rezervoj ekde la 14-a de Majo 18:00) *(20.00 h – 24.00 h)*

**2)** Muzeo de Arkitekturo *(ul. Bernardyńska 5)* www.ma.wroc.pl *(18.00 h – 24.00 h)*

**3)** Urba Muzeo de Vroclavo – Historia Muzeo *(ul. Kazimierza Wielkiego 35)* www.mmw.pl Granda muzeo pri la tuta miljara historio de la urbo kun ege interesa parto pri lastatempa historio. *(18.00 h -24.00 h)*

**4)** Centro de Juda Kulturo en Vroclava Sinagogo *(ul. Włodkowica 5a)* www.fbk.org.pl *(21.00 h – 00.30 h)*

**5)** *Narodowe Forum Muzyki* (Nacia Muzika Forumo) *(pl. Wolności 1)* nfm.wroclaw.pl Oni povas viziti koncertajn halojn „malantaŭ la

kulisoj”. Por rezervi lokon, skribu al rezerwacje@nfm.wroclaw.pl (pole aŭ angle).

**6)** *MovieGate (pl. Solny)* moviegate.pl Granda kolekto de aferoj kaj vestaĵoj uzataj dum filmado de famaj filmoj. Ĝi situas en bunkro uzita dum *Festung Breslau* dum la dua mondmilito. Por rezervi lokon, skribu al biuro@moviegate.pl (pole aŭ angle). *(19.00 h -22.00 h)*

**7)** Panoramo de la urbo de *SkyTower* (Ĉiela turo) Oni povas vidi noktan panoramon de la urbo de la 49a etaĝo. Oni enlasos 50 homojn ĉiuduonhore – sed ne eblas antaurezervi lokon – do povas esti longa vico sen garantio de sukceso. *(22.00 h – 02.00 h)*

**8)** Vroclava Ekspozicio pri Polaj Afiŝoj (ul. Św. Mikołaja 54-55) www.polishposter.com *(18.00 h – 24.00 h)*

**9)** Historia Centro *“Zajezdnia”* (Tram-tranoktejo) *(ul. Grabiszyńska 184)* www.zajezdnia.org Ekspozicio pri Vroclavo 1945-2016. *(16.00 h – 24.00 h)*

**10)** Muzeo de Poŝto kaj Telekomunikado *(ul. Krasińskiego 1)* www.muzeum.wroclaw.pl *(16.00 h -24.00 h)*

**11)** Muzeo de Vroclava Universitato *(pl. Universytecki 1)* www.muzeum.uni.wroc.pl *(18.00 h – 24.00 h)*

**12)** Nacia Muzeo *(pl. Powstańców Warszawy 5)* www.mnwr.art.pl Historia arta muzeo. *(16.00 h – 24.00 h)*

**13)** Muzeo de Teatro *(pl. Wolnośc 7a)* mmw.pl Ligita ĉefe kun Henryk Tomaszewski (fama Vroclava mimo). *(18.00 h – 24.00 h)*

**14)** Muzeo Etnografia *(ul. Traugutta 111/113)* www.muzeumetnograficzne.pl *(16.00 h – 24.00 h)*

**15)** Muzeo pri Sinjoro Tadeo (pri la pola klasikaĵo Pan Tadeusz) (*Rrynek 6) (07.00 h – 23.00 h)*

Krome estos malfermaj ankaŭ multaj artgalerioj. Pliajn detalojn kaj adresojn vi trovos
en la pola ĉe: https://pik.wroclaw.pl/noc-muzeow-we-wroclawiu/,
en la angla ĉe: https://www.wroclaw.pl/go/events kaj
en la germana ĉe: https://www.wroclaw.pl/go/veranstaltungen.

**Teresa Pomorska, Anna Skudlarska, Guido Brandenburg**